231
1.2.1988




# INTERNACIA ĴURNALISTO




ORGANO DE TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO (TEĴA)



BULTENO

*Organo de la Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio — (T E Ĵ A)*

Aprilo №1 Sofia, Bulgaria 1957

NIAJ TASKOJ

I jaro Sofia — Bulgario Decembro 1957, N-ro 2

INTERNACIA ★ ĴURNALISTO

Organo de la Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio (TEĴA)

GRAVAJ ORGANIZAJ PROBLEMOJ.

Nia Ĵurnalista Asocio eniris la duan jaron de sia renaskiĝo. Ĝi akiris jam kontentigajn sukcesojn. Ĝis nun al la Asocio el la plej agemaj membroj? TEĴA invitas elkore ilin kaj atendas senprokrastan aliĝon kaj kunhelpon.

N-RO 1/987 JARO 31·1987

## TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO (TEĴA)

ESTRARO DE TEĴA:

**Prezidanto** – Walter Haberl, Radio Wien, Esperanto-redakcio, ORF, Poŝtfako 700, A – 1041 WIEN, Aŭstrio.

**Vicprezidantoj**: Ivan Keremidĉiev – Esperov, 1680 SOFIA, kv. Borovo, bl. 219, vĥ. B, Bulgario.

Nikolaj Danovskij, Latvia SSR 226614, RIGA – 14, ul. Ostrovskogo 4 –4, USSR.

Tadros Megalli, D-8387 ROSENBACH, Untergrabandorf, FRG.

**Ĝenerala sekretario** – Donĉo Ĥitrov, 1000 SOFIA, ul. Ĥan Asparuĥ 61, Bulgario.

**Sekretario-kasisto por la okcidentaj landoj** – D-ro Dino Fabris, Borgo Bossano 5, CITADELLA (Padova), Italio.

**Membro de la estraro** – Olaf Thormodsen, Box 59, 595501 HAUGESUND, Norvegio.

Red. „INTERNACIA ĴURNALISTO"

Adreso: Ĉefredaktoro – Ivan Keremidĉiev – Esperov, 1680 SOFIA, kv. Borovo, bl. 219, vĥ. B, Bulgario; tel. 56-58-77

**Redaktoro**: Nikola Aleksiev
**Stile redaktis**: M. Elenova
**Korektis**: J. Keremidĉieva


ENHAVO DE N-RO 1 – 1987



Sur la unua kovrilpaĝo: „Internacia Ĵurnalisto – jam 30-jara jubileanto. En la Universala Kongreso de Esperanto en 1957, en Marsejlo, oni aprobis la novan presorganon de TEĴA „Bulteno!", kiu ekde n-ro 2/1958 prenis la nunan titolon „Internacia Ĵurnalisto".

---

**Preparu vin kaj nepre ĉeestu la TEĴA-kunvenon dum la 72-a Jubilea Universala Kongreso de Esperanto en Varsovio.**

---

**Karaj TEĴA- kaj ILEF-anoj! Por pli riĉenhava kaj interesa «INTERNACIA ĴURNALISTO» aktive kunlaboru per diversspecaj ĵurnalismaj materialoj. Ni atendas Viajn kontribuaĵojn. Antaŭdankon!**

# NIAJ JUBILEANTOJ: TEĴA KAJ „INTERNACIA JURNALISTO"

*Nia amata TEĴA – Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio – en la fino de 1986 fariĝis jam 40-jara. Ĝi estis fondita la 26-an de novembro 1946 jaro de tri skandinaviaj ĉefredaktoroj – la svedo Einar Adamson, naskita en Mora, la finno Nijlo Kavenius el Turku kaj la dano R.G.Niilson, kiuj pritraktis la neceson fondi internacian ĵurnalistan E-asocion. La redaktoro Adamson kontaktiĝas ankaŭ kun kolegoj el Islando, Francio kaj aliaj landoj kaj en novembro 1946 – tuj post la fino de la kruela Dua Mondmilito – oni fondis Tutmondan Esperantistan Ĵurnalistan Asocion (TEĴA). Oni elektas la unuan estraron de la asocio prezidanto Hilmer Johanson, vicprezidanto Nijlo Kavenius kaj sekretario-kasisto Einar Adamson, estrarmembro R.G.Melson. La estraro komencas eldoni kiel organon de TEĴA bultenon „Informilo", kiu aperas nur en 4 numeroj* presitaj *en Göteborg, Svedio.*

*En n-ro 2 de „Informilo" – 1947 j. sur p.3 aperas ankaŭ la preparita de la estraro „Statuto de TEĴA". kun 7 paragrafoj. 1) Nomo kaj sidejo de la Asocio 2) Celoj de la Asocio 3) Enspezoj; 4) Membraro; 5) Gvidado asocia; 6) Centra estraro kaj 7) Taskoj de la estraro. Poste la nova estraro preparis kaj aperigis en „Internacia Ĵurnalisto" novan statuton. Al TEĴA aliĝis la bulgaraj ĵurnalistoj Asen Grigorov, Iv. Keremidĉiev Esperov, Nikola Aleksiev, Iv.H.Krestanov, Anton Velikov kaj aliaj. Ĉar la organon de TEĴA „Informilo" ĉesis aperi, la redaktoro de „Internacia Kulturo", revuo aperanta en Bulgario en Esperanto, (en kies redakcio estis ankaŭ Keremidĉiev) proponis al la TEĴA-estraro, ke „Internacia Kulturo" estu ankaŭ organo de TEĴA. Oni akceptis la proponon, sed tio fakte ne efektiviĝis.*

*Post la ŝanĝoj en la estraro de TEĴA kaj la stagno en ĝia funkcio, dank' al la iniciatemo de Ivan Esperov, kiu estis elektita por prezidanto de la ĵurnalista sekcio ĉe la Centra Estraro de Bulgara Esperantista Asocio TEĴA ekaktiviĝis. Dum la 42a Universala E-Kongreso en Kopenhago 1956 j. okazis ĵurnalista kunveno, kie oni elektis 7-membran estraron – prezidanto Ferenc Szilagy el Svedio, vicprezidanto Nijlo Kavenius, kiu poste fakte funkciis kiel prezidanto, sekretario G.I.Jepsen, vicsekretario Maria Vogel – FRG, kasisto André Ribot – Francio, membroj – Matko Dobĉnik – Jugoslavio kaj d-ro A.Mildwurf – Anglio. Tiam Esperov proponis al ili, ke li organizu kaj redaktu novan organon de TEĴA. Ili akceptis.*

## „Internacia Ĵurnalisto" – jam 30-jara jubileanto

*Glora estas ankaŭ tiu ĉi datreveno. Ivan Esperov, kun la apogo de Bulgara Ĵurnalista Asocio, sukcesis aperigi „Bulteno"-n la antaŭa de „Internacia Jurnalisto". Tiurilate lin apogis la prezidanto de la bulgaraj ĵurnalistoj Vlado Topenĉarov kaj la ĉefsekretario Angel Georgiev. Esperov partoprenis la Universalan Kongreson en Marsejlo Francio, en 1957 j. Tie li renkontiĝis kun iuj estraranoj de TEĴA, helpis al ili kunvoki kunvenon de E-ĵurnalistoj. Tiam, laŭ lia propono, estis elektita nova estraro de TEĴA. prezidanto – la norvego Olav Thormodsen, vicprezidantoj – Maria Vogel kaj N.Kavenius, sekretario-kasisto – André Ribot kaj la redaktoro de „Internacia Jurnalisto" – Ivan Esperov.*

*En Marsejlo la ĉeestantoj aprobis la novan organon „Bulteno" – n-ro 1, kiu ekde n-ro 2/1958 prenis la nunan titolon „Internacia Ĵurnalisto". Kaj de tiam – jam 30 jarojn aperas nia organo, ĉiam redaktata de Keremidĉiev – Esperov.*

*En tuj sekvaj numeroj de „Internacia Ĵurnalisto" ni rakontos ankaŭ aliajn notojn pri la disvolviĝo de TEĴA kaj pri la redaktoro kaj kunredaktoroj de „Internacia Ĵurnalisto" kaj iujn detalojn en apartaj artikoloj kun biografiaj notoj de la unuaj estraranoj kaj redakcianoj de nia organo, eble ankaŭ kun iliaj fotoj.*

I.E.

Walter HABERL,
Prezidanto de TEĴA

# La taskoj de la ĵurnalismo

Por bonaj interhomaj rilatoj estas necesaj kelkaj kondiĉoj. La fluado de informoj inter la ŝtataj aŭtoritatoj kaj la ŝtatanoj devas funkcii en ambaŭ direktoj. La kunvivado de la homoj estas regulata per leĝoj, nepre observendaj. Se tiuj kondiĉoj estas plenumataj, jen oni povas paroli pri ordigita socia fenomeno. La ĵurnalismo, kies taskoj estas multfacetaj, kontribuu unuavice al la konservado de ordo jam ekzistanta.

La ĝustatempa perado de raportoj estas speciale signifa, eventuale eĉ vivonecesa, por ekzemplo se temas pri pludonado de tia sciigo pro akcidento en atomcentralo — por la enloĝantoj vivantaj en la influregiono de la nuklea reaktoro. Same estas la disvastigo de la plena vero nepre necesa. La ĝustatempa raporto pri la vera amplekso de iu katastrofo povas ja kontribui al kiel eble plej frua evakuado de la homoj el la koncerna regiono kaj per tio almenaŭ mildigi, se ne tute forigi, la mortodanĝeran riskon.

Jam ĉi tiu simpla ekzemplo montras, kian ŝlosilan pozicion la ĵurnalismo okupas. Ne malpli grava estas ĝia kontribuo al la postlerneja pluklerigo. Bone prezentataj artikoloj, sur faka bazo, estas certe pli utilaj ol iuj nur duone veraj raportoj, sensacie ŝveligitaj. La tiel nomata deontologio, t.e. la tutaĵo de la morale pozitivaj principoj en kiu ajn profesio, estas por la ĵurnalistoj eĉ pli multfaceta ol por aliaj.

Pro tio la ĵurnalisto estas destinita bone influadi sian ĉirkaŭan mondon. Sur nia planedo, kie fanatikismo, maljusteco kaj perforto regadas, kie estas malfacilege interkompreniĝi, kie du trionoj de la loĝantoj neniam vere satiĝas, estas devo de ĉiu, do ankaŭ — eĉ precipe — de ĉiu ĵurnalisto, ke li kunhelpu atingi ŝanĝon por stato pli bona. Sed la ĵurnalisto neniam fariĝu helpanto de iu religia aŭ politika fanatikulo. Li servadu, laŭ sia bona konscienco, al la homaro, kiu lian servadon tiom urĝe bezonas.

## NOVA OBSTAKLO ANTAŬ LA IDEO PRI MALARMADO

Sur la usona atoma poligono en Nevada denove aŭdiĝis subtera nuklea eksplodigo. Tio estas jam la 25a laŭvica eksplodigo dum la lasta jaro kaj duono dum kiu daŭris la silento de la soveta poligono rezulte de la unuflanka moratorio de USSR.

Milionoj da homoj en Usono kaj ekster ĝi, sur ĉiuj kontinentoj demandas sin:

— Kial la registaro de Usono, kontraŭe al la normala menso, malgraŭ la insista postulo de la usona kaj monda publika opinio sekvi la sovetan moratorion tamen organizas novan serion da nukleaj eksplodigoj?

Plenan respondon al tiu demando donas la praktika realigado de la programo pri „stelaj militoj" (kion oni demagogie titolas per la falsa nomo „Iniciato por strategia defendo" — ISD). La nukleaj aspektoj de tiu programo okupas ĉefajn lokojn, pro kio necesas fari daŭre nukleajn eksplodojn.

Tion pruvas la atingitaj en Usono rezultoj de la nukleaj eksperimentoj dum tiuj 560 tagnoktoj, kiam regis silento sur la atoma poligono de Sovetunio. Tiuj eksperimentoj estis necesaj al Usono por povi organizi en proksima estonto produktadon de kosmaj agresarmiloj.

La aŭtentikajn motivojn de Usono malakcepti la ideon pri moratorio tre malkaŝe „klarigis" la ĉefo de Pentagono mi-

litministro Uanberger. Li deklaris, ke la nukleaj eksplodigoj kaj aliaj iniciatoj de Usono celas atingi militan superecon rilate Sovetunio en ĉiuj etapoj de nuklea milito.

Sovetunio esperis, ke finfine la normala racio igos la usonan registaron sekvi la bonegan iniciaton de USSR – ĝian unuflankan moratorion. Tamen bedaŭrinde tio ne okazis.

Per la nuklea eksplodigo en Usono komence de februaro oni faris grandan frapon sur la ideo pri malarmado, tiom sopirata de la homaro, inkluzive la usonan loĝantaron, kiu en sia plimulto(80%) malaprobas la programon pri „stelaj militoj"

Kompreneble, en tiu situacio, kreita de Usono, estas jam neeble, al Sovetunio da ŭrigi sian unuflankan moratorion. Kun ega bedaŭro la soveta gvidantaro deklaris, ke ĝi ne povas lasi silente sian kaj de siaj aliancanoj sekurecon kaj estas devigita pro la provoka sinteno de Usono rekomenci serion de nukleaj eksperimentoj. Tiu paŝo de soveta registaro estas trudita al ĝi far Usono. Sovetunio ne rajtas allasi usonan militsuperecon. La pozicio de Sovetunio estas: egala kaj sama sekureco por ĉiuj ŝtatoj.

Tamen ankaŭ sub la novaj cirkonstancoj Sovetunio restas konvinkita partiano de la senarmigo. Ĝi deklaris sian pretecon tuj ĉesigi ĉiujn nukleajn eksperimentojn, se tion faros Usono. Nature poste oni povas jam pli rezulte intertrakti pri konkretaj paŝoj de malarmado.

Ni TEĴA-anoj devas insisti pri baldaŭa konsentigo de Usono ekmarŝi tiun racian vojon.

N.ALEKSIEV

## INTERŜANĜO DE ĴURNALISTA SPERTO

Ni multe rezonas, diskutas buŝe kaj skribe pri „servoj", kiujn devas havi nia asocio. Precipe kroĉas atenton de ĉiuj E-ĵurnalistoj „Gazetara servo". Vere, ĉiuspeca ĉiapensebla servo estas nepre spert-interŝanĝejo. Kaj en ekiĝo kaj en prospero de gazetara servo ĉiuj vidas modelon de kunagejo kaj spert-interŝanĝejo. Tamen tia servo kiel fatamorgano jen vidiĝas, jen senspure malaperas. Vere, iu mistike efemera vizaĝo.

Kaj intertempe malgranda jugoslavia revuo „Zagreba Elektra Trajno" (ZET) senreklame, sen vastrumoro kreis por si neordinaran gazetaran servon, kiu senrifuze laboras prospere kaj efike sur la bazo de E-ĵurnalismo jam dum preskaŭ 30 jaroj. Mirinde? Neniom!

Ĉio dependas de l' homoj kaj ilia rilato al sia afero, al siaj profesiaj streboj kaj aspiroj al sukceso.

La monata gazeto „ZET" havas 5000 abonantojn. Tio ne estas io supernivela sed ĉiuokaze memstara kaj memdigna, ĉar de tiu eldonkvanto komenciĝas sendependa vivo de la eldonaĵo kaj sekura apogo je propraj kruroj. Kaj jen tiu modesta profesia serbo-kroata presorgano ellertis havi proprajn korespondantojn en dudeko da landoj. Se preni resumajn ciferojn dum ĝia preskaŭ tridekjara praktiko en laboro de tiu „servo" do imagu: 51 korespondantoj, kiuj liveris pli ol 2000 artikolojn.. Neimageble, ĉu ne?

Sed fakte ne nur imageble, sed eĉ tute nature. La gazeto pritraktas sur siaj paĝoj problemojn kaj praktikon de urba trafiko. Tiu temo nun estas superaktuala por ĉiuj landoj „manĝintaj aŭtomobilismon super apetito". Kaj nia samideano Zvonko Reĥoriĉ kiel iniciatema E-ĵurnalisto sukcesis luzi tiujn neimageblajn eblecojn, kiujn donas Esperanto en laboro de ĵurnalismo.

La gazeto havas du rubrikojn, priservatajn de propra „Gazetara Servo", t.e. de E-ĵurnalistoj.

A. – „Tra la mondo", en kiu alilandaj E-ĵurnalistoj prezentas novaĵojn de sia lando, senditajn en Esperanto, tradukitajn kaj publikitajn en kroatoserba, kaj

B. – „Esperanto", kie jugoslaviaj ĵurnalistoj prezentas novaĵojn en E-o pri sia urba trafiko al alilandanoj.

Simple? Pli ol simple!

Kaj la gvidanto de E-laboro en „ZET" samideano Zv.Rehoviĉ povus rakonti multon interesan pri tiu mirinda „simbiozo" de E-ĵurnalismo kaj nacilingva presorgano. Bedaŭrinde ni ne havis feliĉon legi ion pri tio sur la paĝoj de „I.Ĵ".

Kaj samtempe tiu mirinda realigo povus servi kiel ekzemplo kaj inspirilo al aliaj, ne parolante jam, ke ĝi estas interesa temo por pridiskuti dum UK-aj kunvenoj de TEĴA. Lige kun tio obsedas miloj da demandoj.

Ĉu samideano Zv.Rehoriĉ estas membro de TEĴA ? Ĉu li scias, ke multaj TEĴA-anoj kun intereso konatiĝus kun ties praktiko?

La demandoj ŝutiĝas sen fino. Kaj estus tre interese, se samideano Zvonko Rehoriĉ respondus sur la paĝoj de „I.Ĵ."de jenajn demandojn:

1) Kiamaniere li sukcesis altiri kvindekon da E-ĵurnalistoj – „propraj korespondantoj", kiuj daŭre kaj akurate liveris al la redakcio interesajn kontribuaĵojn?

2) Ĉu li ne konsentus priskribi sian simplan ĉiutagon en la redakcio (kaj eble ekster redakcio) kaj specifon de siaj interrilatoj kun samredakciaj ĵurnalistoj-neesperantistoj?

Ni plezure tralegus tiujn rakontojn.

N. DANOVSKIJ

N. LUANOJA ...VERKATAJ...

ELDONATAJ.... DISVENDATAJ...

Grandegan utilon alportos al l' afero tiuj, kiuj riĉigos la literaturon de l' lingvo internacia.

L.Zamenhof, „O,V." p.38

En la unua numero de IĴ 1986 N.Danovskij starigas gravegan problemon: „E-libroj devas esti verkataj, . . . presataj kaj eldonataj. Sed post tio ili devas esti disvendataj." Bonege, tio harmonias kun la vortoj de Zamenhof de la 1895a jaro: „Agadi per lernolibroj, anoncoj ktp. estas tre bone kaj necese; sed tio ĉi devas havi lokon a p u d la literaturo kaj ne a n s t a t a ŭ la literaturo". („O.V."p.206).

La statistiko, aperinta en „Hungara Vivo" montras, ke en la esperantista mondo aperas ĉiujare proksimume 20 beletraj originalaj kaj 50 tradukitaj verkoj. Ilia prezo dum la lastaj dek jaroj 2,5 obliĝis. Ĉar E-eldonejoj, krom „Eesti Raamat" ne indikas la eldonkvantojn, estas malfacile konkludi pri la reala disvastiĝo de E-literaturo. Evidente la preskvantoj atingas meze 1000 ĝis 2000 ekzemplerojn, nur malofte pli. Ĉu kaj kiom da honorario ricevas la verkistoj kaj tradukistoj, oni eĉ imagi ne povas. Konsiderante la eldonkvanton la honorarioj povas esti nur mizeraj. Pri tio diris nuntempe evidente la plej produktiva E-verkisto Ištvan Nemere en „H.V." 1/1985 jene: „La honorario, kiun pagas al mi HEA por romano, ne kovrus la kostojn de la cigaredoj fumitaj dum la verkado. Sed, ĉar mi estas nefumanto, tiu mono restas por aĉeti la ne cesajn manuskriptan paperon kaj la inkrubandon".Do, ekzistado de profesiaj E-verkistoj aŭ -tradukistoj ankoraŭ ne eblas. Certe la samo temas ankaŭ pri E-ĵurnalistoj. De tio dependas ĉefe ankaŭ la nive-

lo de la E-kulturo, kiu povas esti nur amatora kaj kiel vera spegulo povas esti preskaŭ nur la literaturo kaj gazetaro. Nur dank' al entuziasmo kaj interna devo de niaj verkistoj kaj ĵurnalistoj ni povas konstati almenaŭ mezan nivelon de nia kulturo kompare kun la naciaj kulturoj.

Do, estas la ĝusta tempo por starigi la problemon: kiamaniere plivastigi nian libromerkaton, legemon de e-istoj, krei pli solidan bazon, por ke nia E-kulturo povu kreski kvalite kaj kvante, atingi iam profesian nivelon.

Kiuj estas la kaŭzoj de la nuna situacio? Laŭ tre ambiciaj nombroj oni kalkulas en la mondo kelkajn milionojn da esperantistoj, UEA havas proksimume 40000 membrojn, sed la kultura merkato de la movado estas vere ege mizera. Ĉu la kaŭzoj estas forigeblaj kaj kiel?

Miaopinie la unua kaj ĉefa kaŭzo — por limigiteco de nia libromerkato estas la dividiteco de la mondo kaj E-movado je t.n. „okcidenta" kaj „orienta", t.a. kapitalisma kaj socialisma sferoj. En okcidento aperas multaj verkoj, inter ili ege gravaj por la movado, sed ili trovas malmultajn aĉetantojn —evidente pro nelegemo de la tiea esperantistaro. Al la orienta merkato tiuj eldonaĵoj diverskaŭze preskaŭ ne trafas. El oriento, dank' al vigla el dona agado de Ĉina Fremdlingva Eldonnejo kaj HEA, BEA sporade aliaj („Eesti Raamat", „Sofia Pres"), E-libroj aperas, ankaŭ la aĉetantaro, malgraŭ valutaj barieroj, estas konsiderinde pli vasta. La eldonkvantoj de „Eesti Raamat", kiuj antaŭ deko da jaroj atingis dekmilon, pro la granda plialtiĝo de la internaciaj poŝtaj tarifoj lastatempe falis je duono, Komprenebie tio ne povas instigi plivastigon de la eldonado de E-libroj. La okcidentan merkaton tiuj libroj trafas malfacile, ofte nur deko da ekzempleroj. Do ankaŭ la monda esperanta libromerkato estas dividita je du apartaj sferoj, barojn inter kiujn ni nun apenaŭ sukcesos superi.

La dua kaj ne malpli grava kaŭzo estas manko de organizita esperanta librokomerco, kiu liveru librojn al unuopaj esperantistoj. Ja la homo kutimas aĉeti varon, kiun oni povas vidi kaj taksi ĝian valoron almenaŭ laŭ ties eksteraĵo. En ordinaraj librovendejoj E-libroj ne aĉeteblas, sed specialaj vendejoj por ili estas ankoraŭ malpli ol raraj.

La rolo de la E-gazetaro kiel reklamilo de la eldonotaj/itaj libroj? Oni kalkulas pli ol cent E- periodaĵojn aperantaj en la mondo. Bedaŭrinde la granda plejmulto el ili estas aŭ strikte fakaj aŭ naciaj revuetoj apenaŭ vegetantaj, kiuj ne povas interesi ordinaran esperantiston neentuziasmulon, do ankaŭ ne servi kiel reklamilo de la literaturo.

Trie — la indiferenteco de multaj esperantistoj rilate la literaturon, kiuj ne aĉetas eĉ unu libron, ne prunteprenas ilin el biblioteko, ne abonas eĉ unu gazeton. Ilian kulturan bezonon plene kontentigas televido, tiamaniere fariĝinta granda malamiko de la kulturo ĝenerale.

Tiaj estas la cirkonstancoj, en kiuj ni renkontas nian 100-jaran jubileon, kaj kiuj ne povas kontentigi perspektivojn de la movado sursojle de la dua jarcento.

Ĉu ni povas ion entrepreni por plibonigi la situacion? De kio komenci?

(Daŭrigota en n-ro 2 de IĴ)

## PLIA SCENO EL LA TRAGEDIO DE LA ZAMENHOFA VIVO

**Sub tiu titolo IEM-bulteno publikis novetrovitan leteron de L.L.Zamenhof**

Transkkribo

Kara sinjoro,

Kun danko mi ricevis Vian leteron kun la artikolo de „Narodni Obzor" kaj kun Via traduko de tiu artikolo.

Kun granda indigno mi legis tiun malhonestan kaj mensogplenan artikolon. Mi hontas nun, ke tiun personon, kiel s-ro Chaloupecky, ni nomis iam nia samideano.

Se li forĵetis Esperanton kaj batalas nun kontraŭ ĝi — tio estas lia afero; sed se por senkreditigi Esperanton li elpensas nun plej senkonscience diversajn mensogojn kontraŭ la aŭtoro de Esperanto kaj presas ilin en gazetoj, — tio estas afero plej malhonesta kaj hontinda. Mi ne intencas respondi kontraŭ liaj mensogoj, ĉar tio estus tute sencela. Jam de 6 jaroj la idistoj batalas per diversaj mensogoj kaj kalumnioj, kaj se mi respondus kontraŭ unu mensogo, morgaŭ aperus dek novaj.

Kiel estinta kompetentulo en Esperantaj aferoj, s-ro Chaloupecky scias tre bone, ke ĉiuj liaj vortoj estas simplaj mensogoj. Li scias tre bone, ke se min allogus „frankoj" aŭ se mi dezirus fari nelojalaĵon kontraŭ la Lingva Komitato, mi nun estus tre riĉa homo kaj mi ne bezonus nun akiradi miajn vivorimedojn per tutaga kuracado de malriĉaj malsanuloj.

Defendi min kontraŭ tia malnobla kalumnianto mi ne havas la intencon.

Via L(.) Zamenhof

* * * * * * * * * * * * * * * * *

Jen do eta sensacio: KUN GRANDA DANKO ni ricevis la ĉi-supran originalan Zamenhof-leteron de la loka Esperanto-grupo en Pilzen, Ĉeĥoslovakio. Laŭŝajne temas pri nekonata letero — ĝi restis ĝis nun sen publikigo, Fakto ĝi tamen estas grava dokumento, kiu pruvas, ke dum la lastaj vivojaroj Zamenhof estis atakata de diversaj kalumniantoj: Per senkreditigo de ĝia iniciatinto, idistoj klopodis ataki Esperanton.

Ni trafoliumis la koncernan jarkolekton de „Narodni obzor" kaj trovis en la numero de la 3-a marto 1914 (? ,3, dubna 1914) sub la rubriko „Svetova Reč" (? , Mondolingvo) artikolon kun la titolo „K Historii 'Delegace' " (? , Pri la historio de la Delegitaro). La stato de la gazeto mem estas tiel malbona, ke eĉ ne eblas plu kopia reprodukto: pro tio ni tajpe prezentas fragmenton el ĝi, kiu ĝuste enhavas la asertojn, kontraŭ kiuj Zamenhof reagis en sia letero. Bedaŭrinde ni nur malbone scias la ĉeĥan lingvon kaj pro tio komprenis nur kelkajn frazojn (ekz.: „Zamenhof akceptis la donacon kaj promesis fari la reforman planon. . . Tiu fakto pruvas. . .ke ne temas pri 'interna ideo', sed pri simplaj rondaj luidoroj kaj frankoj. . .").

El la bulteno de Internacia Esperanto-Muzeo/n-ro 144-1986

Bernard GOLDEN

libera tribuno

## MESAĜO DE LA LINGVOPAPO PRI LINGVONORMOJ EN LA ESPERANTA ĴURNALISMO

**1. Lingvokvalifikado de ĵurnalistoj**

En la Statuto de Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio (TEĴA), estas skribite en Sekcio I (Celoj, Taskoj kaj Rimedoj de TEĴA), ke TEĴA „kontribuas por la konstanta altigo de la krea nivelo de la esperantista ĵurnalismo konforme al la bezonoj de la E-movado Zorgante pri la konstanta kvalifiko de siaj membroj". En tiu ĉi kunteksto, mi supozas, ke preskaŭ ĉiu leganto interpretas „kvalifiko" kiel fakscian kapablon sur la tereno de la ĵurnalismo. Mi deziras emfazi, ke en la Esperanta ĵurnalismo estas ankaŭ alispeca grava kvalifiko, kiun devas posedi kaj evoluigi ĉiu bona esperantisto-ĵurnalisto: la lingva kvalifiko Atenta ekzamenado de periodaĵoj el diversaj partoj de Esperantujo montras, ke ne ĉiuj kolegoj estas same kompetentaj laŭ lingva vidpunkto.

**2. Strutpolitiko en la redakcioj**

Mi jam havis plurajn amarajn spertojn, kiam mi pritraktis tiun ĉi temon kun redaktoroj, kiuj rifuzas konfesi, ke kelkaj kunlaborantoj de la revuo aŭ gazeto ankoraŭ ne primajstris Esperanton, ke legantoj de presprovaĵoj ne kapablis elsarki ĉiujn erarojn, kaj ke ankaŭ redaktoroj estas riproĉindaj, ĉar ili akceptis lingve subnormajn verkojn por publikigo anstataŭ resendi ilin al la aŭtoroj. La sekva priskribo ilustros tiun sintenon.

Plurfoje mi provis atentigi la redakcion de Monato pri ekzemploj de nekontentiga lingvouzo en la magazino. Mi ne nur listigis erarojn, kiujn mi trovis sed ankaŭ ĝustigis ilin. Ĝis nun, bedaŭrinde, miaj klopodoj tiucele estis vanaj, ĉar neniu el miaj artikoloj estis publikigita. Eĉ pli konsterna estas la konstato, ke daŭre aperas lingvaj misaĵoj sur la paĝoj de la koncerna periodaĵo. Tio signifas, ke senĉese akumuliĝas en la jarkolektoj de abonantoj lingve subnormaj tekstoj. Homo, kiu opinias, ke la pago de alta abonkotizo certigas lingve altnivelan publikigaĵon en Esperanto, triste trompas sin. La plej malbona aspekto de la afero estas jena: posedantoj de ekzempleroj de Monato ne havas eblon senerarigi ilin, ĉar ne ekzistas rubriko dediĉita al listigo de ĝustigendaĵoj.

Mi formulis planon, kiu ne tute forigos tiun maljustecon, sed iom mildigos ĝin. Ĉe la fino de la jaro la redakcio, kunlabore kun lingve kvalifikita ĵurnalisto, sumigos ĉiujn erarojn kaj deklaros, ke por la sekva jaro, reabonantoj rajtas pagi proporcie malpli por sia abono kompense pro la malalta lingva kvalito de la antaŭa jarkolekto. La redakcio de Monato tute ne reagis al mia propono.

**3. La rolo de la lingvopapo**

En unu el siaj leteroj al la gelegantoj (Monato 3/1985, pĝ. 3), ĉefredaktoro Maul raportas, ke li trovis 30 kompost-erarojn en unu el la kajeroj de la magazino. Mi kore gratulas lin pro tiu rekordo sed samtempe avertas lin, ke trideko da kompost-eraroj en unu numero de periodaĵo estas precize tridek troaj eraroj! En la sama peco, s-ro Maul bagateligas lingvajn erarojn, argumentante, ke „iuj lingvopapoj" volas altrudi siajn preferojn aŭ rifuzas stilojn de iuj aŭtoroj". Tute ne! Estas granda diferenco inter, unuflanke, stilaj variaĵoj kaj,

aliflanke, semantike malĝusta uzo de vortoj kaj malobeo de gramatikaj reguloj. Kelkfoje la stilo en artikoloj lamas, ĉar la lingvouzo de la aŭtoro deflankiĝas de la kutima internacia normo trovebla ĉe la plej kompetentaj verkantoj. Tiuj ĉi scias la signifojn de Esperantaj vortoj kaj ili kapablas apliki la regulojn de la gramatiko. Ekzemple, ilia uzo de la difina artikolo „la" ne agacas la orelojn kaj okulojn de aliaj esperantistoj. Mi ne akceptas la aserton de la ĉefredaktoro, ke la kvanto da eraroj estas „neglektebla, se oni konsideras la grandan amplekson de nia revuo kun miloj da vortoj en ĉiu kajero". Esperanto, la organo de UEA, estas ekzemplo de revuo kun miloj da vortoj en ĉiu kajero, kies stilo kaj lingvouzo estas preskaŭ centprocente neriproĉeblaj. Tio pruvas, ke ja estas eble redakti lingve altnivelan periodaĵon.

**4. Malĝusta lingvouzo ne estu tolerenda**

Por montri, ke deviado de la Esperanta normlingvo estas grava afero, bezonanta rigoran ĝustigadon, mi mencios tie ĉi kelkajn specojn de eraroj, kiuj neniumaniere estu tolerendaj. Semantikaj misaĵoj estiĝas pro (1) nekompreno de la signifoj de Esperantaj vortoj ('karbona gaso' estas uzata anstataŭ la ĝusta 'karbondioksida gaso'); (2) influo de la gepatra lingvo de la verkinto (la angla verbo to ration en Esperanto ne estas 'raciigi' sed „porciumu'); (3) intermiksado de paronimoj ('raketo/rakedo'). Inter la plej oftaj gramatikaj eraroj estas (1) pekoj kontraŭ la refleksivo ('sia' rilatas al vorto, kiu ne estas la subjekto de la frazo); (2) uzo de la adverba participo (.....ante) kun vorto, kiu ne estas la subjekto de la frazo; (3) nekapablo diferencigi transitivajn verbojn de netransitivaj (uzo de 'bruli' kun akuzativo anstataŭ 'bruligi').

**5. La mesaĝo de la lingvopapo**

La lingvopapo sincere kaj pontifike admonas ĉiujn, kiuj okupiĝas pri Esperantaj ĵurnalismaj agadoj, ke ili havas respondecon kaj moralan devon ne misgvidi legantojn. Ili, do, liveru al la esperantista publiko lingve altkvalitajn periodaĵojn kaj malkaŝe informu pri ĉiuj jam aperintaj eraroj.

## GAZETO „LA MONDLINGVISTO"

### (La unua E-gazeto en Bulgario kaj dua en la mondo)

Post multaj preparlaboroj, en komenco de oktobro 1889 la unua bulgara esperantisto Miloslav St. Bogdanov (1868-1914) sukcesis fondi la unuan Esperanto-organizon en Bulgario sub la nomo „Esperantista Klubo de Sofio", kiu ludis ankaŭ la rolon de Centra Klubo (aŭ provizora landa organizaĵo), tial ĝi agadis en landa skalo, varbante adeptojn al Esperanto tra la tuta Bulgario. En la fino de 1889 al la Esperantista Klubo de Sofio aliĝis ĉirkaŭ 100 membroj. El ili tamen la plimulto restis simpatiantoj kaj nur 25 ellernis Esperanton.

Por starigi regulan kontakton inter la esperantistoj kaj por pliintensigi la informan laboron Miloslav Bogdanov entreprenis eldonon de gazeto „La Mondlingvisto", kiun li mem redaktis. Tiu gazeto havas la honoron esti la unua landa presorgano esperantista kaj la dua Esperanto-gazeto en la tuta mondo (post Nurnberga „La Esperantisto" — Internacia E-o organo). En 1908 Georgo Davidov el urbo Saratov (Rusio) intense serĉis jarkolekton de „La Mondlingvisto" por sia hejma biblioteko. Panajot Hitrov, internacie konata bulgara esperantisto el Veliko Târnovo, atestas en siaj rememoroj[1] (1939), ke komence de 20-aj jaroj (tuj post la Granda Oktobra Socialisma Revolucio), li vizitis la Domon de Davidov

kaj havis la plezuron vidi kaj foliumi la kajerojn de „La Mondlingvisto". En sia libro „Analiza Historio de Esperanto-Movado"[2] (1931) Ernesto Drezen citas tekston el n-ro 2 (p.55-64) de „La Mondlingvisto". Laŭ atesto de malnovaj bulgaraj esperantistoj kaj el bibliografiaj libroj de bulgaraj bibliografoj gazeton „La Mondlingvisto" posedis la Nacia Biblioteko „Kirilo kaj Metodi" en Sofio, antaŭ la Unua Mondmilito, sed nun ne plu[3]. Dum la II-a Kongreso de Bulgaraj Esperantistoj en u. Ŝumen, 1908, estis aranĝita ekspozicio. Inter la eksponaĵoj estis kajeroj de „La Mondlingvisto"[4]. Tre verŝajne ili apartenis al Vasil Gaŝevski (el Bjala Slatina), kies tiama propraĵo nun jam ornamas la bibliotekon de Bulgara Esperanto-Muzeo. Jarkolekton de „La Mondlingvisto" posedis Paul Friedrich Tarnow (Tarno), germano, kiu verkis la artikolon „Gazetaro"[5] (1933), reviziis kaj kompletigis la bibliografian verkon pri esperantista gazetaro de Jozef Takács[6].

D-ro Joh. Dietterle, antaŭ kaj post eldono de la libro „Originala Verkaro de L.L.Zamenhof" en 1929, insiste petis la bulgarajn esperantistojn traserĉi la arkivojn, sed vane. El Bulgario li ne ricevis pozitivan respondon pri posedo de „La Mondlingvisto", I, 1-3, decembro 1889-januaro 1890 kaj ties daŭrigo „La Espero", II, 4, junio 1891. Post 35 jaroj mi kuraĝis priskribi detale la enhavon de tiu gazeto la tuta jarkolekto de „La Mondlingvisto" (Vidu libreton „Historio de Bulgara Esperanto-Movado", kajero I. 1964, Kokemäki, Finnlando). Kiel mi sukcesis restaŭri la enhavon de tiu gazeto, mi speciale klarigas en speciale por tiu celo verkita artikolo, kiu aperis[7] (1979) en gazeto „Paco".

Kiel sciate, de „La Mondlingvisto" aperis tri numeroj[8], mi supozas en po mil ekzempleroj. Temis pri vasta informa kaj varba kampanjo inter la bulgaroj. La numeroj unua kaj dua aperis (preskaŭ sinsekve) en decembro 1889. La numero tria – en januaro 1890. Pro tio, ke ekzistas diferenco inter la fontoj pri „La Mondlingvisto" en eksterlando kompare kun tiuj en Bulgario mi supozas, ke n-roj 1 kaj 2 aperis en apartaj kajeroj kaj sekvis kromeldono kun duobla n-ro 1-2 aŭ inverse: unue duobla n-ro 1(2) kaj apartaj n-roj 1, 2. „La Mondlingvisto" aperis sub la signo de slogano „Progresado estas vivo, la stagnado – morto". La numero unua havas 54 paĝojn, la dua – 10 kaj la tria – 32 paĝojn.

Rolon de ĉefartikolo en la numero unua ludas la „Malkovra (malfermita – klarigo mia: C.M.) letero", de M.S.Bogdanov. Ĝi estas presita paralele en du lingvoj (bulgara kaj Esperanto). Jen estas la kompleta teksto de tiu historia verko:

„Elirante unuan fojon antaŭ la estimata publiko, mi sentas la devon antaŭ ĉio danki la legantan publikon por la viva kunsento, kiun ĝi montris kaj montras de tago sur tago, kaj de horo sur horo por mia afero. La multaj promesoj, kiujn mi ricevas, kiel kaj la leteroj kun kuraĝigoj kaj konsiloj – ĉio tio ĉi montras al mi, ke mia profunda kredo je homaro min ne trompis. La bona genio de la homaro vekiĝis: de ĉiuj flankoj al la laboro ĉiuhoma kaj venas amasoj, kiuj ordinare estas tiel maldiligentaj, por ĉia nova afero; junaj kaj maljunaj, viroj kaj virinoj – rapidas porti ilian (sian – klarigo mia: C.M.) ŝtonon por la granda, grava kaj utilega konstruo.

Vivu la homaro, vivu la frateco de la popoloj, vivu eterne!

M.S. Bogdanov

Tiu ĉi verko estas la unua, verkita de bulgaro originale en Esperanto. Ĝi malfermas samtempe komenciĝon de originalaj ĵurnalismo kaj de epistola beletraturo en Bulgario (en decembro 1889).

Sur paĝoj 4 ĝis 30 estas presita bulgarlingva artikolo de M.Bogdanov, kies unua parto estas pledo pri perfektiĝo de la homara socio kaj traktas la historion de la internacilingva problemo. En la dua duono de la sama artikolo Bogdanov klarigas la strukturon kaj la funkciadon de Esperanto laŭ la teksto de „Antaŭparolo" en unua lernolibro de D-ro L.L.Zamenhof (de julio 1887). Sur paĝoj 30 ĝis 39 estas presitaj modelaj tekstoj (prozo, poezio, dekunu popoldiroj) La preĝo „Patro Nia", fragmento „El la Biblio", "Letero" kaj proverboj. La poezio originala estas prezentita per du poemoj de L.L.Zamenhof: „Mia Penso" kaj „Ho, Mia Kor' ". La tradukitaj poemoj estas „En Sonĝo"(el Heine-verkaro), „Kanto de Studentoj" (studenta himno) kaj „Al brusto, al mia" (El Heine-verkaro), Sur la ceteraj paĝoj de „La Mondlingvisto" (39-54) estas donita instrukcio pri plenigo de „Promeso" por fariĝi senkondiĉa subtenanto de Esperanto (senkondiĉulo) kaj de formularo de peto por fariĝi membro de la „Esperantista Klubo en Sofio", kaj informo pri la aperintaj poresperantaj artikoloj en bulgara gazetaro. Granda parto de la lasta 54-a paĝo estas okupita de grava artikoleto sub senkulpa titolo „Rimarko". Ĝi ĵetas faskon da lumo al la politika evoluo de M.Bogdanov. Komence tiu estis monarkisto, sed baldaŭ li disreviĝis de monarkismo kaj fariĝis respublikano. Jen estas la teksto de la „Rimarko" mem, por ke ĉiu povu fari memstaran konkludon:

(Daŭrigota en „IĴ" n-ro 2-1987)

## NIA SPERTO KAJ INFORMANTOJ – AKTIVAJ PROPAGANDANTOJ

Dum la jam 82-jara vivo de la E-societo „Vekiĝo" – u.Ŝumen, Bulgario, krom la senĉesa, aktiva kultura kaj porpaca agado, ĝiaj membroj ĉiam dediĉas grandan atenton por la propagandado de la utileco de lernado kaj posedado de E. Tial, bona tradicio estis en la pasinteco kaj nun daŭras, multaj de ĝiaj membroj aktive kunlaboradi al la E-presaĵoj en Bulgario kaj aliaj landoj, ankaŭ al la bulgaraj ĵurnaloj kaj revuoj. De „Vekiĝo"-anoj estas publikigitaj artikoloj en „Patrolanda Fronto", en revuo „Bulgara-soveta amikeco" k.a. Kvar „Vekiĝo"-anoj frunte kun veterano kaj Honora prezidanto At.Bojaĝiev, estas anoj de la bulgara sekcio de TEĴA.

Des pli granda kaj rezultoplena estas la agado de la ŝumenaj aŭtoroj nun dum la 100-jara jubileo de Esperanto. Nur dum 1986 j. en „Bulgara Esperantisto", „Paco", „Debrecena Bulteno" k.a., en la distrikta ĵurnalo „Ŝumenska Zarja", en „Metalurga Vorto" – eldonaĵo de uzino por plilaborado de aluminio en Ŝumen, per la regiona Radio Ŝumen kaj alie oni aperigis informaĵojn, artikolojn k.a.; verkitajn de Cvjatko Stojanov, Ĥristo Tonev, Olga Gerasimova, Ilija Andreev. Pro tiu bona laborado la CE de BEA montras kiel modelon la ŝumenajn esperantistojn. Krom materialoj pri E-aranĝoj estas publikigitaj aŭ disaŭdigitaj materialoj-tradukoj el Esperanto en Bulgaran pri la vivo kaj novaĵoj en la ĝemelurboj Magdeburg – GDR, Debrecen - Hungario, Herson – USSR, ricevitaj per korespondado aŭ de ricevitaj esperantaĵoj kaj aliaj naciaj kaj lokaj ĵurnaloj kaj revuoj. Nome tiu nia utila laboro, kontribuante interŝanĝon de sperto, estas alte taksata de la ŝumena civitanaro. Nun la plej nova iniciato estas la Alvoko al ĉiuj E-societoj en Nord-Orienta Bulgario, ke oni starigu kontakton kun Radio-Ŝumen kaj la aliaj lokaj radiostacioj kaj ĵurnaloj por pli plena informado okaze de la 100-jara E-Jubileo.

**Cvjatko TODOROV**
**prezidanto de „Vekiĝo"**

## „INTERNACIA ĴURNALISTA RENKONTIĜO „JABLONNA 6"

Fine de la pasinta jaro la malnova kastelo ĉe Varsovio ree estiĝis ĵurnalista renkontiĝo – „JABLONNA 6". Kunvenis 120 reprezentantoj de aŭtoritataj tag-ĵurnaloj, radio- kaj televidkompanioj, de novaĵ-agentejoj el 26 landoj, kiuj partoprenas en la Konferencoj por Sekureco kaj Kunlaboro en Eŭropo. La diskutataj temoj estis „La mondo post Reykjavik", „Eŭropo en la nuntempa mondo", „Respondeco de la ĵurnalistoj en la dialogo Oriento – Okcidento".

„JABLONNA 6" montris, ke senagemo en nia tempo egalas al bonvola sinmortigo. La progreso en la epoko de atomraketoj ne permesas tempoperdon. Se ni hodiaŭ ne ĉesigos kaj malhelpos la vetarmadon, ke ĝi ne estu transportata en la kosman spacon, la mondo povas trafi en mortigan internacian konfrontiĝon kun neantaŭvideblaj sekvoj. La homo estas mastro de sia sorto". Kaj de li nun dependas ne nur la vivkvalito sed ankaŭ la vivo mem, la ekzistado de la tuta vivo sur la planedo. Neniam antaŭe aperis simila problemo. Kie estas la eliro?

Reykjavik montris eliron. La sovet-usona renkontiĝo en Islando malfermis reallan perspektivon pri sekura mondo sen nukleamiloj. Reykjavik donis al la homo esperon. La plena likvido de nukleamilaj baraĵoj en baldaŭa estonto estos ebla kaj reale atingebla. Por tio estas bezonata politika volo, kiun sincere kaj respondece demonstras Sovet-Unio. Ĝi jam nefoje konfirmis sian pretecon konsideri la interesojn de la partnero, fari koncedojn kaj kompromisojn por atingi la ĉefcelon.

En Jablonna ne regis unuanimeco ĉe la traktado de ĉiuj punktoj de la tagordo. Okazis disputoj, forta interpuŝiĝo de opinioj. Aparte en tiuj okazoj, kiam temis pri tio, kion konkrete povas fari la ĵurnalistoj por plibonigo de la internacia atmosfero, en kio ili vidas sian civitanan kaj profesian devon. La problemo estas kiel sukcesi diri al la homoj la ĉefan konkludon: kontraŭ la militon oni devas ba tali, por ke ĝi ne komenciĝu.

En la kondiĉoj de akriĝo de la internacia etoso aparte necesas unuigi la klopodojn en la nomo de pacdefendo, de la daŭrigo de la dialogo Oriento – Okcidento. Se tiun ĉi ideon la ĵurnalistoj sukcesos venigi al la konscio de la homaro, ĝi fariĝos potenca materia forto, kapabla bridi la malamikojn de paco kaj prospero sur la Tero.

**E. GEORGIEV**

---

**El la letero de Cv.Todorov**
Ŝumen, 28.01.1987.

Estimata k-do ĉefredaktoro!

Mi rapidas informi vin, ke mi bonorde ricevis n-ron 4 de „Internacia Ĵurnalisto". Sincere dirite mi estis neatendite tre, tre agrable surprizita, ĉar jam delonge mi ne estas leginta tiun bonan nian organon kaj mi revis ĝin ricevadi. Do, akceptu tutkoran dankon pro la fakto, ke vi finfine donacis al mi ĝojon kaj plezuron!

Mi tuj – avide tralegis ĝian enhavon kaj restas kontenta, ĉar la publikigitaj materialoj estas variaj, interesaj, utilaj. Eĉ mi intencas traduki kaj publikigi en nia uzina ĵurnaleto la materialon „Jubileo de Luis Serrano Pérez", rakontanta pri la progresema agado kaj pacbatalo de nia hispana samideano.

Mi deziras ricevadi nian organon.

„...Elkore dezirante al vi sanon kaj sukcesojn en via nobla agado dum la jubilea jaro, mi restas via kolego, vin estimanta:

**Cvjatko TODOROV**

## NIA RAKONTO

# La unua letero

La laciĝo plenigis la grandan tekon de baj[1] Peŝo. Peza kiel graveda patrino, kiu naskos post monato, ĝi impetis de la kurbigita poŝtista ŝultro al la malvarma vaporhejto. Li sidiĝis peze. Avino Elena lavis telerojn, vidis, ke Peŝo estas enpensiĝinta, tamen ne kuraĝis demandi kial. Ŝi metis antaŭ li la ŝatatan glaseton da vinbera brando. Kvardek jarojn li trinkis ĉiutage je la dektria horo nur unu glaseton.

— Mi plu ne laboros hodiaŭ — malrapide kaj peze sopiris Peŝo.

— Kaj „la kulturon", kiun vi portas supren kaj malsupren varmiĝos ĉi-tie? demandis la edzino.

— Hodiaŭ mi komprenis, ke mian laboron uzas timemuloj. Mi ne ektimis, kiam ĉiuj min mokis ke mi estiĝis poŝtisto post tridekjara laborado kiel ĉefo, ĉar mi jam estis pensiulo. Tamen iu junulo el bloko 18 timas iri de sia oka etaĝo ĝis la oka etaĝo en bloko 18A — ambaŭ blokoj estas algluitaj. Li devas fari nuran paŝon de sia enirejo ĝis la alia. Hodiaŭ Darina ricevis leteron por unua fojo.

— Kiu Darina?

— Darina kun la bluaj okulvitroj. Ŝi deziras, ke mi portu ŝiajn revuojn supren.

— Peŝo nur translokigis la glason kaj eĉ gluton ne trinkis. — Mi ne timas — diris al mi Darina, ke iu povas ŝteli ilin, tamen mi estas tre soleca en tiu betonpanela fraŭlapartamento - ekspiris ŝi donante al mi glason da teo. — Si ricevas multajn revuojn, sed mi ricevis terurajn krurpenojn, ĉar la lifto ĉiam ne laboras... La juna virino tre plaĉas al mi....

— Peŝo, ĉu vi rememoras kia bela virino kaj vinberkolektistino mi estis en Kriĉim?! - singultis avino Elena.

— Tamen nun vi estas kokinkolektantino. Vi devos kaŝi niajn kokinojn de sur la balkono. Speciala komisiono de la urba konsilantaro venos morgaŭ kaj kontrolos pri higieno. Komisioj, komitatoj, asocioj...sekundaraj materialoj.. Kiom da mono por novaj tabeloj, kaj samtempe voko por ekonomio. Sed en tiu unuĉambra apartamento la soleco suĉas „la homon-bonbonon", kaj li perdas sian dolĉecon. Mi ofte demandas Darinan kion ŝi laboras, kvazaŭ mi ne scias, ke ŝi estas scienca kunlaboranto en instituto.

— Mi reskribas saĝajn pensojn de ĉi-tie, de tie kaj donas ilin por presado ŝercas ŝi kaj taŭzas sian buklan hararon.

— Vi, mia maljunulino, superas ŝin kun viaj belegaj hararbukloj. Virinoj, kion vi scias pri la animo de poŝtisto? baj Peŝo apenaŭ nun eltrinkis gluton da brando. Li ekflustretis kvazaŭ parolas al si mem.

— Kiel tio eblas? Apenaŭ nun Darina ricevis la unuan necesegan leteron, kiu elkrakis — dika, plenplena. Mi tuŝis ĝin — marta ruĝblanka ornamaĵo — martenica[2]. Mi ne povis kredi. La letero estis sendita nur trans unu muro. — La vigleco de la poŝtisto incitis lian voĉon. — Darina saltadis de ĝojo. Ŝi eklegis kaj subite klinis sian kapon kvazaŭ ricevis fortan frapon, poste ŝanceliĝis kaj falis sur la plankon. Ŝiaj okulvitroj rompiĝis, eksonoris bluaj vitretoj.

– Nevole – flustris; Peŝo – mi tralegis: sendinto Pejo.... Klare. Tiu estas la alia scienclaboranto. Ili ambaŭ kun Darin ka interŝanĝis revoujn. Kial svenis ŝi? Mi trempis viŝtukon en malvarman akvon. Kompreso sur la verton, sur la tempiojn, sur la kalkanojn. Ankoraŭ akvo Subite la akvo ĉesis flui. Mi kaptis la malvar man teon, kaj gluton post gluto surve rŝis ĝin en la malfermitan buŝon de la juna virino. Denove nevole mi rigardis la leteron. „Ne atendu plu min. Mi edziĝos. Jes, okazis domaĝo serioza – sur la lasta paĝo estis alkroĉita kiel „martenica"* kun brunaj botoj.. Kvazaŭ Pejo skribis: „Mi estimas vin, tamen vi estas inteligenta kaj komprenos, ke per tiuj botoj mi simbole tretas nian amon, ĉar vi ne estas sufiĉe riĉa por geedziĝo kun via modesta abonanto de revuoj. En niaj loĝejetoj ni loĝas kiel solecaj memmortigantoj. Mia estonta edzino havas duetaĝan domon. Miaj larmoj kristaliĝos kun la viaj en miajn titolojn: docento, profesoro. Kaj post kelka tempo ĉu ili helpos al nia estonta ido?

– Kanajlo! Penjo, vi estas kanajlo! – abomene insultis la poŝtisto. – Kiel vi helpos al ĝi, kiam tiu infano portos duonan animon, ĉar ĝi kreskos sen patro. La infaneto sonĝos, suferos kaj finfine ĵetos vian flavan portreton. Ankaŭ la patro estas kverko potenca, etendinta branĉojn sur la idon korkaran. Li per ombro karesas ĝin, per folioj lulilan kanton kantas, kreitan el brilaj sonetoj kiuj eliras tra trudaj branĉoj. Mi tiel koleriĝis, ke mi vangofrapis Darinan anstataŭ Penjon. Ŝi malsvenis. Kial mi ne konjektis pli frue! – „brunajn botojn" kaj eksploris. Kiu amas, tiu pardonas. Se mi estus ŝia patro mi lin nepre vangofrapus kaj la brunajn botojn ĵetos en la fojron, Ili konvulsiu en la flamoj de doloro! – Frapis per pugno baj Peŝo sur la tablon. – Eleno, kiel mi forgesos la suferon en ŝiaj okuloj? Ni batalas por ke nia planedo vivu en paco kaj bonfarto, kaj tiu homaĉo Pejo mortigas aliajn homojn, sian filon en la marta festo por sano. Krimulo! ! !

– Peŝo, ĉu vi memoras, kiam mi falis de la ĉerizo kaj ricevis sangfluon. Mi estis graveda kaj deziris montri al mia bopatrino kiel vigla mi estas. Mi pensis, ke en viaj manoj restos ne mi, tamen unu papilio, kiu surverŝas per sia sango vin kaj la longan vojon de pavimoj ĝis la urbo... Kaj la tango! – Elena ascendis.

– Mia spiro ĉesis – eksaltis baj Peŝo – permane mi karesis vian kokson kaj ni ambaŭ ekflugis dancante. Vi ĉirkaŭvolviĝis kaj karesis min kiel sata tigrulino Ni amis unu la alian. Ni amas home. Nun ankaŭ la danco de iuj junuloj ne estas danco de amo. De la tamburado oni povas surdiĝi kaj blindiĝi. Viroj! ! ! Ili flugas en la kosmo, sed timas konfesi: „Mi amas vin, sed mi forlasas vin pro mia kariero".

(Daŭrigo sur p. 14)



## ĴURNALISMAJ INICIATOJ

### JAM TRADICIO

Kvankam pasis nur unu jaro kaj duono depost la unua apero de Esperanto en la regula programo de Bulgara Televizio, ni jam pavas paroli pri bona kunlaboro inter BT kaj Bulgara E-Asocio.

Laŭvica elsendo kun E partopreno o okazis la 17-an de januaro laŭ unua televid-programo. Dommastro de amuza televid-konkurso „Minuto multas" ĉi-foje estis Internacia Esperanto-Kursejo. Tio estis ankaŭ la laŭvica krea elmontriĝo de la sekretario de Sofia Esperanto-Domo pri Kulturo „Maksim Gorkij" Boĵidar Aleksiev, laŭ kies iniciato estis realigitaj ĉiuj ĝisnunaj televid-elsendoj.

La aranĝo estis ĉiuflanke helpata de la ĝenerala direktoro mem, inĝ. Angel Todorov de la tuta IEK-kolektivo kaj la redaktorino de „Paco" Veneta Baleva.

Laŭ regularo de „Minuto multas" tri partoprenantoj respondas al demandoj el diversaj sferoj: scienco, kulturo, arto, ŝporto ktp. dum unu minuto. Se la konkuranto respondos pli rapide, gajnas tempon kaj rajtas respondi al pliaj demandoj, kio gvidus al pli da poentoj. Gvidanto de la elsendo estis la populara bulgara aktoro-esperantisto Petâr Vuĉkov. La dommastroj estis aranĝintaj la junularan klubejon „Astoria" (kie oni filmis) per tre interesaj • poresperantaj propagand-materialoj, kiuj bone videblis sur la televid-ekranoj. Ankaŭ trafa estis la klariga propaganda teksto pri Esperanto, legita de la gvidanto dum la elsendo. Tiel Esperanto ankoraŭfoje eniris la domojn kaj la pensojn de la multnombra spektantaro.

Oni donis la parolon al la direktoro de IEK inĝ. A.Todorov por saluti la spektantojn kaj la televid-skipon kaj informi la publikon pri la 100-jara jubileo de Esperanto. Poste li disdonis la premiojn al la gajnintoj. Specialan premion „lernolibro kun negranda malfacileco" ricevis ankaŭ gvidanto P.Vuĉkov.

La multnombraj pozitivaj resonoj pri „Minuto multas" pruvas, ke la efiko de la elsendo provokis grandan intereson pri Esperanto — lingvo kaj movado.

**V.DIMITROVA**

---

— Peŝo, ni skribos malfermitan leteron pri tiu mortiganto — leviĝis avino Elena. Ŝiaj ludantaj hararbukloj ankaŭ indigne ruliĝis.

— Ŝercemulino, kiu presos ĝin? Nun ĉiuj legas kaj skribas, skribas kaj reskribas. Ne estas libera loko. Ĉiutage kiam mi preterpasas sub nia betonpanela balkono, mi emas ekkriegi: „Mi amas vin kiel junulo! Ĉiuj aŭskultu! — li svingis per ganto. — Helpu al mi , kara mia, metu la tekon sur mian dorson, ĉar la maldekstra ŝultro kurbiĝis, kaj.... via amo povas ankaŭ forflugi al iu juna kosmonaŭto ridetas li kaj frapas la pordon sub ŝia nazo.

— Peŝo mia! — iom riproĉe ekflustris ŝi — Antaŭhieraŭ vi promesis: „ Tiu ĉi glaseto estas la lasta! Ne plu trinku. Sufiĉe por ĉiam! Kaj vi estos pli sana. Vi ankaŭ promesis ne plu labori. Ĉu vi havas karakteron — ridetante daŭrigis ŝi kaj sciante, ke Peŝo bone aŭdis ŝiajn riproĉojn kaj ke li nun silente ridetas en sia mankavo, irante al la poŝtkestoj kun la malfruiĝintaj leteroj.

**Reni KITANOVA**

**1) Popola alparolo al pli aĝa viro —R.a**
**2) Popola printempa simbolo, bondeziranta sanon — R.a'**

## ĴURNALISTA SEMINARIO

La Estraro de la ĵurnalista sekcio ĉe CE de Bulgara E-Asocio okazigis la 10-an de januaro j.k. unutagan seminarion de esperantistoj-ĵurnalistoj por interŝanĝo de sperto kaj pridiskuto de la antaŭstarantaj taskoj. Ĉeestis kolegoj el Sofio kaj el tutlando.

Inaŭgurparolis la prezidanto de la sekcio – Ivan Keremidĉiev – Esperov. Li emfazis la grandegajn rolon kaj respondecon de la ĵurnalisto-esperantistoj dum la jubilea jaro.

Sekvis faktoriĉa informo de ĵurnalisto-veterano Ĥristo Gorov, prezidanto de BEA, pri „La antaŭstarantaj jubileoj – 100 jarojn monda E-movado kaj 80 jarojn E-mo vado en Bulgario – kaj la taskoj de bulgaraj esperantistoj-ĵurnalistoj". Li menciis la pli grandajn atingojn tiurilate: la eldonon de multaj libroj, la realigitajn radio- kaj televidelsendojn kun E-partopreno, la multnombrajn priesperantajn artikolojn en la nacia gazetaro k.m.a. En la momento – diris k-do Gorov, estas finpreparata 30 min. dokumenta filmo pri BEA kaj ekspozicio „80 jarojn BEA"; alproksimiĝas la literatura konkurso en Jambol, sub aŭspicio de redakcio „Bulgara Esperantisto"; sub preso estas la bulgarlingva broŝuro de nia kolego Nikola Aleksiev – „100 jarojn Esperanto". Plue la parolanto skizis la ĉefdirektojn pri disvolvo de esperantista ĵurnalismo en Bulgario kaj substrekis la gravecon de peresperanta informado, destinita al eksterlandanoj.

Informon pri la kunlaboro de bulgaraj esperantistoj-ĵurnalistoj al revuo „Bulgara Esperantisto" prezentis ties ĉefredaktoro Donĉo Ĥitrov. „La redakcio havas tre aktivajn kunlaborantojn en la tuta lando. Ni havas ankaŭ specialajn korespondantojn en ĉiu distrikto de nia lando. Praktike preskaŭ ĉiu E-aktivulo estas kontribuanto al la revuo. En la redakcion senĉese venadas leteroj kun opinioj de niaj legantoj".

Intereson vekis la prelego de Ivan Esperov ĉefredaktoro de „Internacia Ĵurnalisto" pri „La loko de TEJA kaj „Internacia Jurnalisto" en la nuntempa monda ĵurnalistiko". „Ĉi-jare ni festos la 30-jariĝon de nia ŝatata presorgano „IĴ" – diris Esperov; ĝi naskiĝis en 1957 ĉe tre malfavoraj kondiĉoj, sed dank' al la persista laboro de esperantistaj ĵurnalistoj. kaj precipe de la bulgaroj, ĝi evoluis, kreskis, fortiĝis kaj nun jam inde okupas sian lokon kiel libera tribuno de ĉiu ĵurnalisto Esperanta".

Sekvis multaj eldiroj kaj viglaj diskutoj pri la raportoj. En krea, amika etoso la kolegoj rakontis pri siaj atingoj kaj pri la renkontitaj malfacilaĵoj sur la dorna kampo de E-ĵurnalismo.

Veneta BALEVA

---

## TAGOJ DE LA ESPERANTA KULTURO

De la 10-a ĝis la 15-a de decembro 1986 en la Nacia Kulturpalaco „Ljudmila Ĵivkova" okazis por kvara fojo Tagoj de la Esperanta Kulturo, kies organizanto estis Sofia Esperanta Domo pri Kulturo „Maksim Gorkij". La Tagoj estis dediĉitaj al la Internacia Jaro de Paco kaj al la 100-jara jubileo de Esperanto. La celo de la kulturtagoj – propagandi kaj disvastigi la internacian lingvon estis brile atingita per anticipa informado de la neesperantista publiko pere de afiŝoj kaj artikoloj en la landa gazetaro kaj dum

la Tagoj mem – pere de radio- kaj televidraportaĵoj

La Tagoj de la Esperanta Kulturo estis inaŭguritaj de Nedka Valjaviĉarska – direktoro de SEDK „M.Gorkij"; sekvis parolo de ĵurnalisto-veterano Nikola Aleksiev pri naskiĝo de Esperanto kaj ties rolo kiel nova momento en la kultura evoluo de la socio.

La dua parto de la vespero komenciĝis per muntaĵo „Nia kara lingvo Esperanto" laŭ verkoj de Zamenhof, Baghi, Szilagy, Rosseti k.a. Per parolo kaj kantoj la geaktoroj el Bulgara E-Teatro revivigis bildojn pri la vivo de Zamenhof kaj lia filino Lidia, pri la unuaj universalaj E-kongresoj kaj pri la unuaj paŝoj de la internacia lingvo Esperanto tra la mondo. Sekvis multnombraj muzikprogrameroj.

En la kulturdomo „Emil Ŝekerĝijski", la 11-an de decembro, okazis literatura legado, kiun partoprenis la anoj de la Literatura Rondo „Asen Grigorov" kun artgvidanto Georgi Miĥalkov.

La 12-an de decembro matene, en Nacia Kulturpalaco okazis scienc-teoria konferenco „100 jarojn Esperanto serve al la paco". Bazan raporton pri temo „La esperantistoj kaj la paco" prezentis Violin Oljanov, ĉefredaktoro de gazeto „Paco". Pritraktitaj estis ankaŭ la temoj „Interkompreniĝo, paco, evoluo" (Vasja Cvetkova, sekretario de MEM), „La temo paco en la belarta agado de BET"(Belka Beleva – aktorino), „Originala E-poezio serve al la paco" (Georgi Miĥalkov – poeto). Fine parolis la plej juna preleganto, redaktorino en gazeto „Paco" Veneta Baleva pri „Junularo kaj paco"

Vespere, la saman tagon, komenciĝis la celebrado de esperantistoj-veteranoj, agantoj de la kulturo. La solenaĵon kronis la koncerto de amatoraj plenumantoj, precipe lernantoj, kies puraj infanvoĉoj atingis la korojn de la ĉeestantoj.

La Tagoj de la Esperanta Kulturo estis fermitaj per prezento de la spektaklo „Tri viroj en la neĝo", la 15-an de decembro.

La teatraĵo, jam gajninta grandan internacian popularecon dum UK en Aŭgsburgo, estis vere inda finiĝo de la kulturtagoj, pro kio kontribuis la bonega rolado de la aktoroj el Bulgara E-Teatro.

V.B.

Al
Redaktoro de „Internacia Ĵurnalisto"

**Estimata Redaktoraro!**

Nia biblioteko, kiel Hungara Nacia Biblioteko, ĝoje partoprenas en la festa ĝojo de la jubileanta esperantistaro.

En la jubilea jaro 1987 en la tempo de la Budapeŝta Printempa Festivalo ni aranĝos Esperanto-libroekspozicion titolitan „La vojo de Esperanto-libro en Hungario". Por la ekspozicio ni disponigas tri ĉambregojn en nia palaco. La ekspozicio konsistas el la libroj de Károly Fajszi, kies Esperanto-kolektaĵo preskaŭ 20.000 bibliografiaj unuoj, inter ili pli ol 7000 libroj kaj 3000 binditaj jarkolektoj – jam de 1982 estas ŝtate protektata, kaj funkcias sub nia aŭspicio. Kompreneble ankaŭ niaj raraĵoj, ekzemple antaŭesperantaj lingvoprojektoj estos ekspoziciitaj.

Ni petas, bonvolu informi vian legantaron pri nia decido per kiu ni deziras esprimi nian simpation kaj estimon al la literaturo kaj movado de Esperanto.

**Kun estimo: Juhász GYULA pm. ĉefdirektoro.**

– **Future Ecology Esperanto – Estonto Ekologio Esperanto** – granda scienca libro pri ekologiaj problemoj, decidita al la Kvara Internacia Kongreso de Ekologio, aúgusto 1986 en Siracousa, Usono. La 258-paĝa volumo estas dividita je du partoj – la unua en angla lingvo kun artikoloj de prof. Hr.Marinov, d-ro Manuel Pio Corrêa (Brazilo), d-ro Egbert Tellegen (Nederlando), Jifi Prtz (CSSR), Peter Söderbaun (Svedio), T.Kujumĝieva (Bulgario), d-ro L.Moffatt (Skotlando) kaj d-ro Frank van der Akker. La dua parto estas en esperanto kun artikoloj de prof. Hr.Marinov (Bulgario), prof. C.Stop-Bowitz (Norvegio), I.M.Danilin (USSR), Roland Schnell (Okc. Berlino) doc. St.Kardeŝev (Bulgario), prof. E.Bolech (Argentino), doc. M.T. Popov (USSR), prof. José Jacob (Belgio), L.Leivategija (USSR) inĝ. Zdenek Trcka kaj M.Trĉkova (ĈSSR) Kompilinto kaj scienca redaktoro prof. Hr.Marinov (Bulgario). Eldonis Bulgara Ekologia Societo – Sviŝtov kaj Bulgara Esperantista Asocio. Ofsetpresejo de BEA, Sofio, 1986.

– **En la mirinda mondo de la kino** aútoro Donĉo Ĥitrov – 212-paĝa granda libro de nia kolego el „I.J.", en du partoj (la dua parto – konciza filma terminaro). La artikoloj kaj koncizaj prifilmaj notoj – riĉe ilustritaj per fotoj kaj desegnoj. Eldonis Hungara Esperanto Asocio en 1985, resp. eldonisto – Tibor Vasko, resp.redaktoro – Imré Szabo.

– **100 demandoj kun respondoj pri la bulgara virino** – de R.Ganĉeva, M Vilova kaj N.Abaĝieva, (1983), tradukis el bulgara N.Aleksiev. 140-paĝoj, riĉaj je artikoloj pri diversaj interesaj problemoj de virinoj en P.R. Bulgario. Eldono de BEA, Sofio, 1986.

– **Milda fifro jam eksonis** – bulgara popola ampoezia kolekto, elektis kaj tradukis Ljuba Bojaĝieva, skizo pri la popola ampoezio de Cveta Antonova. Recenzis G.Miĥalkov. Eldono de BEA en ĝia ofsetpresejo, Sofio, 1986, enhavas 58 amkantojn, 60-paĝa kantaro.

– **Ĵivot otdaden na svoja narod** – (Vivo dediĉita al sia popolo) – jubilea kolekto okaze de la 120 jaroj de la naskiĝo de la pioniro-esperantisto, instruisto, publicisto Ĥristo Popov. La kolekto enhavas la materialojn de jubilea scienca sesio, okazinta en urbo Veliko Târnovo en 1985. Ĉefredaktoro prof. Nikola Nikolov. Aperis en bulgara lingvo, eldono de BEA kaj la Asocio de sciencaj laboristoj – fillio en V.Târnovo. La resumojn faris O. Ĉankova tradukitaj en Esperanton de N. Janev. La ilustrita 166-paĝa volumo (formato 16/65/92/ aperis en la loka Universitata presejo „Kiril kaj Metodij", januaro 1986.

**La internaciismo de Ĥristo Botev kaj nia nuntempo** – raporto antaú la Internacia Konferenco de E-redaktoroj en Vraca (majo 1986) de Nikola Aleksiev, redaktis E.Georgiev. La 22-paĝan broŝuron eldonis Bulgara Esperantista Asocio, Sofio 1986.

**Internacia Jaro de Paco** – de Nikola Aleksiev. Recenzis Ĥr.Gorov, redaktis E. Georgiev, 52-paĝa libreto, eldonita okaze de la Internacia Jaro de Paco 1986. Eldonis Bulgara Esperantista Asocio kaj Bulgara MEM-Komitato, ofsetpresejo de BEA, Sofio, 1986.

**Esperanto-poetoj de Bulgario** – de Canko Murgin, Recenzis L.Bojaĝieva, redaktis L.Raeva, enkonduko G.Miĥalkov. 66-paĝa libro. Eldonis Bulgara Esperantista Asocio, ofsetpresejo, Sofio, 1985, prezo 0.60 lv.

**Kantoj pri la libero** – versaĵoj de 24 progresemaj poetoj, kunmetis Hr.Gorov, 44-paĝa kolekto, eldono de BEA, Sofio 1984.

# AL PLI GRANDA AKTIVECO

Ni estas en la antaŭtago de la sekva lauvica Ĝenerala Konferenco de nia Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio /TEĴA/. Ĝi koincidas kun la centjara jubileo de Esperanto kaj E-movado, eltenintaj sukcese ĉiujn ekzamenojn de sia tempesta epoko en la monda historio.

Ni esperantistoj-ĵurnalistoj, krom la aktiva partopreno en la solena celebrado de tiu rimarkinda centjara jubileo de Esperanto kaj E-movado, ni devas fari aparte larĝan, amasan kaj konkretan laboron – okazigi la Ĝeneralan Konferencon de TEJA. Dum nia konferenco ni devas raporti pri nia trijara agado, ĝustigi la plej gravajn taskojn por estonta laboro, elekti novan estraron de nia organizo.

Por certigi pli amasan kaj pli aktivan partoprenon en la antaŭstaranta Generala Konferenco de TEĴA estas necese, ke la landaj organizoj trarigardu siajn vicojn, pritaksu aktivecon de siaj estraroj kaj la kontribuon de ĉiu membro aparte. Ĝeneraligita en konciza raporto tio povas esti pozitiva sperto. Oni proponu ideojn -

Ne estos superflue, ke ili rakontu kiel pri siaj sukcesoj kaj malfacilaĵoj, tiel ankaŭ pri siaj perspektivoj.

cilaĵoj, tiel ankaŭ pri siaj perspektivoj.

Tiucele ni proponas al landaj organizoj aŭ al apartaj kolegoj, tie, kie oni ne havas kreitajn organizaĵojn, sendi la plenajn kaj ekzaktajn adresojn /laŭ la postuloj de landaj poŝtaj administracioj/ de la esprantistoj-jurnalistoj al la redakcio de „I.Ĵ." Al la ekzistantaj jam adresoj oni aldonu ankaŭ tiujn de kolegoj, aktivantaj dum la lastaj jaroj, sed ne aliĝintaj al TEĴA. Aparte grave estas sendi la adresojn de elektitaj delegitoj, kiuj partoprenos en la konferenco kun rajto de decida voĉo.

La senditaj adresoj estas necesaj ankaŭ por la kompilo de plena adresaro de esperantistoj-ĵurnalistoj, kiu estos publiki gota okaze de 40-jariĝo de TEĴA. Kompreneble, estas necese daŭrigi la eltrovon kaj la allogon de novaj membroj de TEĴA honore al ĝia jubileo, kiun ni celebros dum venonta 1988a jaro.

TEĴA estas profesia-krea organizo, kies tasko estas helpi la profesian perfektiĝon de kolegoj esperantistoj, esplorante la plej bonan sperton

La membroj de nia organizo estas en la antaŭaj vicoj de la agado por populario de Esperanto kaj ĝiaj homecaj ideoj per periodaĵoj, eldonataj de diversaj movadoj, profesioj kaj tendencoj, precipe de la batalantoj por paco kaj ĝenerala malarmiĝo.

Al digna renkontiĝo jubilea en Varsovio!

„INTERNACIA ĴURNALISTO"

## NOVA E-PERIODAĴO

Antaŭ nelonge aperis n-ro 1/1987 de „FOKUSO" – nova kvaronjara periodaĵo en Hungario. Ĝi estas posteulo de revuo „Internacia Komputado". Estonte ĝi respegulos novajn aktualajn temojn – ekonomio, edukado kaj modernaj natursciencoj. En 1987 „FOKUSO" havos pli multe da paĝoj ol „Internacia Komputado", sed la prezo restos la sama. „FOKUSO" havas la noblan celon fariĝi magazino de la moderna homo. Tial la redakcianoj atendas ricevi kontribuaĵojn. Adreso de la Redakcio de „FOKUSO": Komputista Grupo de HEA, H-1368 Budapest, pf.193, Hungario.